# Etnismo

N-RO 19 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 05.06.78




## MEKSIKIAJ ETNOJ

Vegetado de plurdekoj da kulturoj -
Statistiko kaj mapeto de indiĝenaj lingvoj -
En la direkto de nova indiĝenisma politiko -
Kelkaj konsideroj de la unua indiĝenisma kongreso de Meksikio -
Intervjuo kun Carlos López Avila -

Paĝoj 3 - 1o

## AGIMI

Dy këndezë t'kuq
fluturojnë qiellit si engjuj.

Dy tereq po e ngrehin
qerren e artë t'ditës s're.

Mos e zgjoni at qingj-
fjetë n'prehën t'reve.

Dy këndezë t'bardhë
ia kanë krisë kangës.

Përgjaket dielli
n'teh të vesës margaritar.

Çdo fije bari, çdo kallij
po bahet buzëqeshje dhe dritë.

Kavalli i erës s'lehtë
zgjon mullijt e kostarët.

Dy tereq t'zij po e ngrehin
qerren e artë t'ditës s're.

Adem Gajtani

ĈU JUGOSLAVIO MISTRAKTAS SPECIALE ALBANOJN?

Paĝo 13



## FRIULANOJ EN RUMANIO

La Socialista Respubliko kaj ETNISMO neglektis la friulanojn en Rumanio.

Paĝo 14

## LADINAJ TERMOPILOJ

Paĝo 18

Krome ĉi-numere:



Filmo kun groenlanda teksto p. 11

## KALÂTDLIT-NUNÂT

BB kaj la fokoj p. 11

Groenlandanoj en danaj karceroj p. 12

# סאָוועטיש היימלאַנד

JUDOJ EN SOVETUNIO p. 17

Cetere, ĉu vi komprenas la ĉi-apudan revuotitolon?

# KONCIZE EL .....

**TAŜKENTO.** En Uzbekio ekzistas 3 centraj televidaj programoj kaj krome du subregionaj kun kelkhora propralingva programo por karakalpakoj kaj ĥorezmoj. Dum la unua programo estas simpla transprenaĵo de la Moskvaj programoj "Vostok" kaj "Orbita" kaj konsekvence komplete ruslingva, la dua programo estas produktata en Taŝkento kaj estas preskaŭ 1oo-procente uzbeklingva (escepte de kelkaj ruslingvaj inform- kaj instruprogrameroj). La tria programo celas speciale Taŝkenton kaj ĝian ĉirkaŭon kaj estas preskaŭ komplete uzbeklingva. La ruslingvaĵojn oni komprenu kiel servon al la relative multaj enloĝantoj ne bone konantaj la uzbekan lingvon, kiel informas Petro Polisĉuk el Taŝkento. Sabate kaj dimanĉe la tria programo venas el Duŝanbe (Taĝikio) kaj Frunze (Kirgizio). Kvara programo estas nun eksperimentanta.

**GODTHÅB.** La Groenlanda Laborista Unuiĝo (dane: Grønlands Arbejder Sammenslutning - G.A.S. /tiun ĉi mallongigon cetere oni uzas same en groenlanda teksto!7) kaj la Dana Mastro-Unuiĝo (dane: Dansk Arbejdsgiverforening - D.A.) interŝanĝis proponojn por ĉefinterkonsento pri la groenlanda labor-merkato.
G.A.S. postulas en sia propono skribita nur en la groenlanda lingvo ke D.A. agnosku G.A.S. kiel solan reprezentanton de la groenlanda laboristaro kaj ke ĉiuj intertraktadoj okazu en la propra lingvo de la lando: la groenlanda. (Laŭ "Information", o3.o3.78)
Dum la pasintjara striko (kp. ETNISMO-n 18, p. 2) en la groenlanda minejo "Nigra Anĝelo" la laboristoj estis spertintaj la malavantaĝon de intertraktado per fremda lingvo.

**BEOGRADO.** La asocio "Defendo kaj Antaŭenigo de la Lingvoj de Francio" (DALF), aliĝinta al A.I.D.M.L.K. kaj kuniganta kulturajn federaciojn el Bretonio, Okcitanio, Vaskio, Katalunio, Alzaco-Loreno, Flandrio kaj Korsiko, la 29-an de septembro 1977 direktis 36-paĝan dosieron al la 35 delegacioj de eŭropaj kaj nordamerikaj ŝtatoj kunvenintaj en Beogrado por studi la aplikon de la interkonsentoj de Helsinko. La ĉefa elemento de tiu dosiero estas memorando demonstranta ke la registaro de Francio rigore pluaplikadas sian jam tradician politikon de asimilado kontraŭ la etnaj minoritatoj de tiu ŝtato kaj tiel rekte kontraŭagas la Helsinkajn interkonsentojn kaj tutan aron da konvencioj subskribitaj inter 1948 kaj 1966. Laŭ tiuj konvencioj Francio devas agnoski la rajton de la minoritatoj uzadi siajn respektivajn lingvojn en ĉiuj kampoj de la vivo: lernado, kulturaktivado, informado, administrado, parlamentoj, justico, trafiksignoj ktp. ktp. senkonsidere de la nombro de homoj parolantaj la koncernatan lingvon. DALF riproĉas al la franca registaro ke la edukministerio apenaŭ kamuflas sian celon: sufoki la ne-francajn lingvojn.
La Beograda konferenco malatentis tiun materialon. Nur la usona delegacio konfirmis ricevon de la dosiero .....

**VALENCIO.** La 1o-an de aprilo 1978 estis elektita Josep Lluis ALBIÑANA prezidanto de la unua (antaŭ-)aŭtonomia konsilio de la Valencia Lando. La kvazaŭ-registaro konsistas el 4 socialistoj (PSOE), 4 centristoj (UCD), po 1 komunisto, dekstrulo (AP), PSP-homo kaj sendependulo. Poste estis delegitaj en la konsilion po 1 reprezentanto de la provincaj parlamentoj de Castelló, València kaj Alacant. La konsilia prezidanto estas socialisto kaj deputito de València en la centra parlamento de Hispanio. Li faris siajn paroladojn en ambaŭ lingvoj de la regiono: en kataluna kaj kastilia.

**ALGERO.** Rafael Caria estas oficisto de la flugkompanio ATI, filio de ALITALIA, en Algero (itale: Alghero, katalune: L'Alguer), Sardio. Komence de 1978 li laŭtparolile faris la kutimajn anoncojn en la itala, angla, sarda kaj kataluna. Lia argumento: Multaj laboristoj flugontaj al la kontinento aŭ revenintaj ne sufiĉe komprenas la italan kaj certe ne la anglan. Ili parolas aŭ sarde aŭ katalune, ĉar en la urbo Algero kelkaj dekmiloj da homoj estas katalunoj. Lia kompanio minacis nuligi la laborkontrakton .....

# MEKSIKIAJ ETNOJ

## VEGETADO DE PLURDEKOJ DA KULTUROJ

Nia tasko neniel estas adori la mezamerikajn regnojn de aztekoj kaj majaoj kaj kondamni la hispanajn konkerintojn sub Hernán Cortês aŭ laŭdi la hispanojn pro la ebligo de interŝanĝo ampleksa inter la kontinentoj kaj moki pri la neevoluintaj indianoj, tute ne. Nia celo estas nur montri kio postvivas el la antaŭhispana epoko (unuavice sub la lingva vidpunkto) kaj kiel la nuntempaj indianoj situas en la moderna socio de la Unuiĝintaj Meksikiaj Ŝtatoj (UMŜ). Kiel fonon jen malmultaj fundamentaj informoj ĝenerale pri la lando:

Areo: 1.972.547 kvkm  Enloĝantoj: 62.33o.ooo (kalkulo de 1976)

Loĝdenseco: 31,5  (nombrado en 197o: 48.225.238)

Rasoj: 1o - 15 % blankuloj  75 % mestizoj  9 % indianoj

(aliaj taksoj:  55 % mestizoj  29 % indianoj)

Inter 197o kaj 1975 la enloĝantaro kreskis ĉiujare per 3,5 %!

Oficiala lingvo: kastilia  Religio: katolika

Ekonomio: En agrikulturo plejgravas la kultivado de maizo, krome oni vaste rikoltas tritiko, sukerkano, rizo, batatoj, kafo, kakao, tabako, kotono, tomatoj, bananoj, kapsikoj. Oni bredas bovojn, kaprojn, ŝafojn, porkojn kaj mulojn.
La grundo enhavas konsiderindajn kvantojn da petrolo, tergaso, karbo, fererco, plumbo, arĝento (UMŜ estas la plej granda produktanto de la mondo!) kaj multajn aliajn gravajn mineralojn. Pli kaj pli gravas la enspezoj per turismo.

Historio: Kiam Hernán Cortês, la 21-an de aprilo 1519, surpaŝis la teron apud la nuna urbo Veracruz, lin akompanis nur 5o8 soldatoj, kiuj disponis pri 16 ĉevaloj kaj 14 kanonoj. Bruliginte siajn ŝipojn tiuj hispanoj la 15-an de aŭgusto ekmarŝis en la direkton al la centra Meksikio, kie ilin pace akceptis la azteka reganto Moktezuma. Post ties mortigo Cortês fuĝis kaj, helpe de totonakoj kaj tlakskaltekoj, malamikaj al la aztekoj, sieĝis kaj rekonkeris la aztekan ĉefurbon Tenochtitlán.



Ĉi-apude reproduktiĝas paĝo el manuskripto en nahuatla lingvo, el la antaŭhispana epoko.

# INDIĜENAJ LINGVOJ EN M

| | LINGVO | SUMO DE PAROLANTOJ | % | SCIPOVAS ANKAŬ LA KASTILIAN | % |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | NAHUATL | 799.795 | 25,30 | 572.009 | 25,05 |
| 2 | MAYA | 454.708 | 14,40 | 386.243 | 16,92 |
| 3 | ZAPOTECA | 290.355 | 9,20 | 239.445 | 10,49 |
| 4 | MIXTECO | 266.342 | 8,40 | 176.169 | 7,72 |
| 5 | OTOMÍ | 221.080 | 7,00 | 183.378 | 8,03 |
| 6 | TOTONACA | 124.844 | 3,95 | 82.869 | 3,63 |
| 7 | MAZAHUE | 104.735 | 3,31 | 92.877 | 4,07 |
| 8 | MAZATECO | 103.315 | 3,22 | 48.619 | 2,13 |
| 9 | TLELTAL | 99.420 | 3,15 | 42.103 | 1,84 |
| 10 | TZOTZIL | 95.395 | 3,02 | 45.065 | 1,97 |
| 11 | CHOL | 73.369 | 2,31 | 42.836 | 1,88 |
| 12 | HUAXTECO | 66.091 | 2,09 | 54.183 | 2,37 |
| 13 | TARASCO | 60.624 | 1,92 | 49.844 | 2,18 |
| 14 | CHINANTECO | 55.720 | 1,82 | 41.320 | 1,80 |
| 15 | MIXE | 54.504 | 1,73 | 33.889 | 1,48 |
| 16 | TLAPANECO | 30.805 | 0,90 | 13.508 | 0,59 |
| 17 | POPOLOCA | 28.087 | 0,89 | 23.277 | 1,02 |
| 18 | MAYO | 27.857 | 0,88 | 26.742 | 1,17 |
| 19 | ZOQUE | 27.147 | 0,86 | 19.585 | 0,86 |
| 20 | TARAHUMARA | 25.517 | 0,80 | 17.444 | 0,76 |
| 21 | AMUZGO | 13.891 | 0,44 | 5.017 | 0,22 |
| 22 | TOJALABAL | 13.304 | 0,42 | 9.003 | 0,39 |
| 23 | CHATINO | 11.862 | 0,38 | 6.164 | 0,27 |
| 24 | TEPEHUANO | 11.433 | 0,36 | 9.202 | 0,40 |
| 25 | CUICATECO | 10.209 | 0,32 | 8.984 | 0,39 |
| 26 | HUAVE | 7.445 | 0,23 | 4.661 | 0,20 |
| 27 | YAQUI | 7.089 | 0,22 | 6.448 | 0,28 |
| 28 | HUICHOL | 6.874 | 0,21 | 4.400 | 0,19 |
| 29 | CORA | 6.253 | 0,20 | 3.898 | 0,17 |
| 30 | aliaj | 58.844 | 1,86 | 34.253 | 1,50 |
| | totalo | 3.156.616 | 100 | 2.283.071 | 72 |

# [M]EKSIKIO (1970)

| SCIPOVAS NUR LA INDIĜENAN | % | PAROLATA PRECIPE EN JENAJ FEDERACIANAJ ŜTATOJ (laŭ la sekvant-paĝaj numeroj) |
|---|---|---|
| 227.732 | 26,07 | 7, 8, 10, 11, 13, 15, 17, 19, 20, 23, 29, 30, 32; |
| 68.465 | 7,84 | 2, 5, 19, 22, 28, 31, 32; |
| 50.911 | 5,83 | 10, 19, 30; |
| 90.179 | 10,32 | 3, 4, 10, 19, 20, 23, 30; |
| 37.702 | 4,32 | 8, 9, 11, 13, 15, 16, 19, 20, 21, 30; |
| 42.263 | 4,84 | 8, 11, 20, 30; |
| 11.918 | 1,36 | 13; |
| 54.696 | 6,26 | 3, 8, 19, 20; |
| 57.317 | 6,56 | 5; |
| 50.330 | 5,76 | 5; |
| 30.434 | 3,48 | 5, 25, 27; |
| 11.908 | 1,36 | 19, 23, 30; |
| 10.580 | 1,21 | 14; |
| 14.400 | 1,65 | 18, 19, 30, 32; |
| 20.698 | 2,37 | 1, 3, 18, 19, 30; |
| 17.297 | 1,98 | 10; |
| 4.810 | 0,55 | 19, 20, 30; |
| 1.115 | 0,13 | 24; |
| 7.562 | 0,87 | 5, 19, 25, 27; |
| 8.073 | 0,92 | 6; |
| 8.874 | 1,02 | 10, 19; |
| 4.296 | 0,49 | 5; |
| 5.698 | 0,65 | 18, 19; |
| 2.231 | 0,26 | 6, 7, 16; |
| 1.228 | 0,14 | 19; |
| 2.785 | 0,32 | 19; |
| 641 | 0,07 | 6; |
| 2.394 | 0,27 | 7, 12, 16, 20; |
| 2.357 | 0,27 | 7, 16; |
| 24.591 | 2,82 | diversloke |
| 873.545 | 28 | |




UNUIĜINTAJ

MEKSIKIAJ ŜTATOJ

1 Aguascalientes
2 Campeche
3 Coahuila
4 Colima
5 Chiapas
6 Chihuahua
7 Durango
8 Federacia Distrikto
9 Guanajuato
1o Guerrero
11 Hidalgo
12 Jalisco
13 Meksikio
14 Michoacán
15 Morelos
16 Nayarit
17 Norda Malsupra Kalifornio
18 Nova León
19 Oaxaca
2o Puebla
21 Querétaro
22 Quintana Roo

23 San Luis Potosí
24 Sinaloa
25 Sonora
26 Suda Malsupra Kalifornio
27 Tabasco
28 Tamaulipas
29 Tlaxcala
30 Veracruz
31 Yucatán
32 Zacatecas



La aztekan ĉefurbon la venkintoj komplete razis ĝis terkalveco kaj samloke konstruis sian novan centron, la hodiaŭan Meksikon. La lando estiĝis la ĉefa elemento de la "Nova Hispanio" sub vicreĝo nomita de Karlo la Kvina en 1535. Tuj la hispanoj ekis por enkonduki la kristanan religion: Tiu ĉi misiado ekstere kompletege sukcesis, sed multaj indianoj prenis la novan religion nur kiel mantelon por sia malnova kredo, tiel ke ankoraŭ hodiaŭ pluvivas nekristanaj dioj sub la masko de katolikaj sanktuloj. La militoj, importitaj malsanoj kaj malsatado aldone al la sklaveco kaŭzis, nur inter 1519 kaj 1600, la formorton de proksimume 85 % de la indianoj! La superaj tavoloj de la indianaj etnoj estis ekstermitaj kaj la proprieto de la indianaj komunumoj estis konfiskita favore al la hispanaj soldatoj kaj funkciuloj. Jam tre baldaŭ ekestis plia tavolo inter la indiĝenoj kaj la invadintoj: la mestizoj, unuatempe kutime neleĝaj infanoj de hispanaj supertavoluloj kaj indianaj servistinoj.
La soci-ekonomia situacio de la indianoj restis pli-malpli same mizerega tra la jarcentoj, ankaŭ post la memstariĝo de Meksikio de sub la hispana regado en 1821. La revolucio de 1911 ja promesis agraro-reformon, sed ĝis hodiaŭ ĝi tute ne estas efektivigita kontentige, malgraŭ kelkaj faritaj paŝoj.

Ĉi-sekve ni publicas du dokumentojn: Dum la unua estas informo liverita de la "Nacia Konsilio de Indiĝenaj Popoloj de Meksikio" (kastilie: "Consejo Nacional de Pueblos Indígenas de México"; adreso: Calle Fco, Villa No. 43 Santa Ana Tlacotenco, Milpa Alta, D.F., México, 23 D.F.) al la 42-a Internacia Kongreso de Amerikistoj (2-a ĝis 9-a de septembro 1976, Parizo, Francio), la dua estas respondaro skribe donita de s-ro Carlos López Avila (prezidanto de la "Supera Nahuatl-Konsilio de la Federacia Distrikto", adreso: vidu supre) al demandoj prezentitaj fare de ETNISMO (19. 03. respektive 03. 04. 1978).

# LA EVOLUO DE LA INDIĜENAJ KOMUNUMOJ DE MEKSIKIO

En Meksikio, kiel en la resto de Latinameriko, la indiĝenaj komunumoj estas grupoj socie marĝenumitaj; ili longatempe vivis vegetante, pro kio urĝas organizi ilin por ke ili integriĝu kaj partoprenu en la nacia produktado.
Tra la lando ekzistas 204 indiĝenaj grupoj parolantaj sume 183 aŭtoktonajn lingvojn, t.e. temas pri etnaj grupoj, kiuj fieras pri sia kulturo kaj kiuj - kiel la serioj kaj lakandonoj - malgraŭ sia malmultnombreco ne malaperos dank'al la indiĝenisma politiko aplikatan fare de la nuna registaro.

## LA INDIĜENA LOĜANTARO

Surbaze de lingvaj kriterioj la Ĝenerala Popolnombrado de 1960 registris indiĝenan loĝantaron de iom pli ol tri milionoj da personoj, t.e. 10 % el la totalo de la individuoj pli ol kvin-jaraj, el kiuj 36 % estis unulingvaj kaj la restaj 64 % krom sia denaska lingvo parolas diversgrade la kastilian.
Laŭ la 9-a Ĝenerala Popolnombrado de 1970 en la lando ekzistas 3.156.616 indiĝenoj, kiuj formas 7 % de la tuta loĝantaro kaj el kiuj 72 % de la indiĝena loĝantaro, krom sia denaska lingvo, parolas la kastilian kaj 28 % parolas nur sian denaskan lingvon. (Komparu tabelon 1.)

Tabelo 1

| Jaro | Indiĝena loĝantaro | Unulingvaj | Parolas ankaŭ la kastilian |
|---|---|---|---|
| 1960 | pli ol tri milionoj | 36 % | 64 % |
| 1970 | 3.156.616 | 28 % | 72 % |

Analizante nian tabelon 1 ni rimarkigas ke inter 1960 kaj 1970 la indiĝena loĝantaro restis - oni povas diri - plimalpli stabila kaj ke, tamen, la nombro de unulingvuloj malpliiĝis de 1960 ĝis 1970 per 12,8 % kaj ke rilate la personojn kiuj parolas ankaŭ la kastilian ĝi kreskis de 1960 ĝis 1970 per 12,3 %. Konvenas aldoni la eksplikon ke la Nombrado de 1970 registras nur tridekon da lingvoj, t.e. tiujn kiujn oni konsideris plej gravaj sub kvanta vidpunkto. (Komparu tabelon 2 /en paĝo 47.)

La regionoj plej dense loĝataj de indiĝenoj situas en la centro, sudo kaj sudoriento de la respubliko, kun la plej altaj procentaĵoj en la ŝtatoj Oaxaca, Chiapas kaj Yucatán troviĝantaj precize en unu el la grandaj postrestintaj zonoj de la meksikia teritorio. Ĉar ilia ĉefa aktivado estas la agrokulturo por nura vegetado en plej malbonkvalitaj teroj kultivataj per tre simplaj iloj, do, ilia ekonomio montriĝas nekapabla por rezultigi enspezojn kiuj permesus plibonigi la vivkondiĉojn.



Ĉu la ekstero de la universitata biblioteko de Meksiko trompas pri la vera sinteno rilate la indianan kulturon kiun tiel surprize abundege demonstras tiu ĉi fasado?

## EN LA DIREKTO DE NOVA INDIĜENISMA POLITIKO

La diversaj prezidentaj reĝimoj kaj speciale la generalo Lázaro Cárdenas /1934 - 1940/ estis konsekvencemaj en sia politiko de edukado de la indiĝenoj surbaze de ties ekonomia kaj socia progreso respektante iliajn kulturajn kaj lingvajn tradiciojn. La Cárdenas-registaro establis formale la instituciajn mekanismojn kies tasko estas plenumi la ekonomiajn kaj edukajn funkciojn inter la indiĝenoj.
En la jaro 1948 estis publikigita la dekreto kiu kreis la "Nacian Indiĝenisman Instituton" /kastilie: "Instituto Nacional Indigenista"/ kiel publikan organismon responsan pri la integra antaŭenigo de la indiĝenaj komunumoj. Ĝis niaj tagoj ekzistas multaj kaŭzoj kiuj limigis la efikon de ĝiaj impulsoj.
La esenca problemo de la indiĝeno dependas de la integra realigo de la agraro-reformo. Oni tre ofte forgesas ke la indiĝeno, antaŭ ĉio, estas kamparano kun certaj kulturaj apartaĵoj.
La rezultoj de la indiĝenismo de la lasta tempo montras konstante en la direkton al reformulado de nova indiĝenisma politiko, kiu estu inspirita de la ideoj kaj originaj celoj donintaj koherecon kaj direkton de klopodado por nuligi la prokraston.
En tiaj ĉi cirkonstancoj ni opinias esence grave ke estu tute popularaj tiuj kiuj estas komisiitaj ekspluati rekte iliajn fontojn, ĉar per tio povus facile komenciĝi la starigo de grandaj komunumaj unuoj por bredado kaj agrokulturo samkiel indiĝenaj entreprenoj por la rekta profitigo de iliaj arbaroj kaj paŝtejoj, ne forgesante la aŭtoktonajn kultur-elementojn, aŭ eĉ profitante intregre el tiuj ĉi kulturaj spertoj.

# KELKAJ KONSIDEROJ DE LA UNUA NACIA INDIĜENISMA KONGRESO DE MEKSIKIO

Kun la partopreno de 74 delegacioj, reprezentantoj de 54 etnaj grupoj kaj 1.2oo efektivaj delegitoj okazis, de la-7-a ĝis la 1o-a de oktobro 1975, en Janitzio y Pátzcuaro, Michoacán, la unua nacia kongreso de indiĝenaj popoloj, en kiu oni debatis aperte sen iu obstaklo kaj en absoluta libereco; tiel definitiviĝis la starigo de **Supera Nacia Konsilio** de Indiĝenaj Popoloj.
En tiu unua kongreso niaj indiĝenoj surtabligis siajn problemojn, en sia propra denaska lingvo, komencante interkomunikiĝon de ĉiuj etnaj grupoj de la lando por interkoniĝi kaj por venki la mankojn de ilia vivo.

La plej elstaraj konkludoj de la kongreso estas jenaj /el la 36 postuloj listigitaj en la dokumento ni selektis kelkajn ekzemplecajn/:

- Naciigo de la fabrikoj kiuj produktas agrikulturajn maŝinojn, sterkon kaj insekticidojn.
- Organizi la komercigon de la agrikulturaj produktoj laŭ produktobranĉoj por vendi kiel unu sola ofertanto.
- Starigi praktikajn instrucentrojn pri agrikulturaj kaj metiistaj teknikoj, laŭ la bezonoj kaj karakterizoj de la diversaj regionoj de la lando, kun dulingvaj indiĝenaj instruistoj el la /koncernata/ regiono ŝarĝitaj pri elstarigo de la valoroj kaj virtoj de la indiĝena kulturo.
- Organizi komunumajn kaj aliajn kooperativojn pere de regionaj entreprenoj por ke ĉiu komunumo ekspluatu siajn fontojn laŭ la plej modernaj metodoj.
- Ke oni verku, en indiĝenaj lingvoj, manlibrojn kiuj enhavu la plej gravajn aspektojn de la priagrara leĝaro , de kredito, agrara asekuro, same kiel teknikajn manlibrojn pri diversaj aspektoj de la kamparaj aktivecoj.
- Ke oni politike kapabligu la indiĝenojn por ke ili pli bone defendu siajn interesojn.
- Ke la indiĝenaj komunumoj estu prizorgataj fare de dulingvaj indiĝenaj instruistoj preparitaj teknike kaj profesie pri aktiv/iĝ/aj metodoj eliminantaj la tradician, parolisman instruadon.
- Ke oni organizu meksikian instituton por la studado de la indiĝenaj lingvoj ekzistantaj en la lando, partoprene de indiĝenaj profesiuloj disvastigontaj /la ekkonojn/ per skribitaj verkoj kaj ellaborontaj materialojn de instruado por la lernejoj de la lando.
- Ke la indiĝenaj lingvoj ekzistantaj en la lando estu deklaritaj, per prezidenta dekreto, oficialaj lingvoj.
- Ke la radiostacioj kaj la televida eduk-sistemo disvastigu programojn pri la indiĝena kulturo.
- Koncerne la mankon de laboro manifestatan per la virinoj kiuj serĉante elmigras al la urboj por dungiĝi kiel servistinoj, sen ricevi minimumajn salajrojn, urĝas ke oni reglamentu la mastrumajn laborojn de virinoj konsiderante la salajron, la pruntojn kaj la socialan protekton.
- Krei informcentrojn en la indiĝena medio, kiuj enhavu librojn, ĵurnalojn, revuojn ktp.
- Ke la Supera Nacia Konsilio de Indiĝenaj Popoloj ĝuu leĝan kaj juran agnoskon same kiel disponigon de buĝeto por la realigo de siaj aktivecoj.

## KONKLUDOJ

Kaŭze de la kreiĝo de la Supera Nacia Konsilio de Indiĝenaj Popoloj multobliĝis la aktivecoj de la etnaj grupoj gvidataj fare de siaj respektivaj prezidantoj. Tiel ni povas mencii jenajn:

- La indiĝenoj mem kreis lernejojn por la instruado de la lingvoj kiujn fiere ili parolas.

- Ili organizis konstantajn komisionojn por la konservado kaj flegado de la dancoj.
- Oni prizorgas la instruadon pri la tradicioj.
- Ili petis la konstantan diskonatigon de tiuj tradicioj, legendoj kaj organizaĵoj.
- Ili kreis organizojn por ĵaluze konservi sian kulturon.
- De la kompetentaj aŭtoritatoj ili petis la kreon de universitato, en kiu estu studeblaj ĉiuj indiĝenaj lingvoj.
- Ili estas organizantaj agrar-industriajn entreprenojn cele de plej bona profitigo de la fontoj.
- Ekzistas konstanta konsilio en Meksiko kiu atentas ke plenumiĝu la petoj prezentitaj al la aŭtoritatoj pasintan oktobron dum la unua kongreso nacia de indiĝenistoj en Pátzcuaro, Michoacán.

Meksiko, en julio 1976.

M. Sánchez Silva Mario

---

Ĉi-apude ni prunte represas la internan titolpaĝon de la "Predikaro en meksika lingvo" verkita de Frato Juan de la A unciación en indiĝena lingvo kaj presita en la jaro 1577.

ꝏNICAN OMPE
HVA YN TEMACHTILLI,
YNITECHPOVI SANCTORAL.



YC TEMACHTILOTIAZ CECEXIVH
TICA: YNIQVAC YMILHVIVH QVIZTIAZ
in ceceme Sanctome, vniuh tecpantica yancuican Calen
dario, oquimotlalili oquimotecpanili ypan naua
tlatolli, yn yehuatzin Fray Iuan dela Anũ
ciacion Teopixqui Sant Augustin.

---

# CARLOS LOPEZ AVILA RESPONDAS AL ‹ETNISMO›

ETNISMO: Ĉu oni uzas la indiĝenajn lingvojn kiel instruilojn?

LOPEZ AVILA: Nur en kelkaj regionoj, komunumoj kiuj konservas sian kulturon en integra formo; sed tio estas tre limigita kerno, t.e. nur en lokoj, en kiuj oni tre malmulte parolas la kastilian. Ĉar en la procezo de la kultur-asimiliĝo videbliĝas la fenomeno de la redukt-tiĝo de la indiĝenaj kulturoj.

ETNISMO: Ĉu oni instruas la lingvojn kiel fakojn al la infanoj?

LOPEZ AVILA: Nuntempe tio ne estas ebla en la lernejoj; tamen, en la kadro de la aktivecoj, kiujn ĉiu regiona konsilio realigas, oni faras kursojn por infanoj kaj ĉiuj personoj lernemaj.

ETNISMO: Ĉu indiĝenaj lingvoj estas studataj en la universitatoj?

LOPEZ AVILA: Jes, oni studas, kaj ekzistas la somera lingvistika instituto kiu realigas ĉiajn ĉi aktivecojn.

ETNISMO: Ĉu ekzistas ĵurnaloj, revuoj, libroj en tiuj ĉi lingvoj?

LOPEZ AVILA: Jes, ekzistas granda vario de publicaĵoj, de meksikiaj kaj eksterlandaj aŭtoroj.

ETNISMO: Ĉu ekzistas radio- kaj televidoprogramoj en tiuj ĉi lingvoj?

LOPEZ AVILA: Radioprogramoj en indiĝenaj lingvoj ekzistas nur en certaj regionoj; televidoprogramoj en tiuj lingvoj ne ekzistas.

ETNISMO: Kia estas la pozicio de tiuj ĉi lingvoj en politiko kaj en la loka, regiona kaj ŝtata administracio?

LOPEZ AVILA: Evidentas ke en la procezo de evoluo de lando plena da kontrastoj la reganta klaso havas grandan influon, - tian ke ĝi diktas sian kulturon, sian ideologion kaj plirapidigas la procezon de limigado, pri kiu ni jam parolis. Konsekvence la pozicio de la lingvoj estas nula en politiko kaj la loka, regiona kaj ŝtata administracio.

ETNISMO: Kia estas la sinteno de la politikaj fortoj rigarde al tiu ĉi problemo?

LOPEZ AVILA: Estas pasiva sinteno, ĉar ili ne deziras vidi siajn interesojn tuŝataj, sed pro tio ekzistas la organizo de la indiĝenoj, ĉar por ilia liberigo ne ekzistas io tiel efika kiel la luktado de iliaj organizoj.

ETNISMO: Ĉu ekzistas subvencioj, flanke de la ŝtato, por ĉi-kampaj kulturaj aktivaĵoj?

LOPEZ AVILA: Tre limigitaj, nur en la kazoj de la Naciaj Kongresoj de Indiĝenaj Popoloj.

ETNISMO: Kiugrade la indianoj mem estas sentemigitaj koncerne la konservadon kaj evoluon de siaj lingvoj kaj kulturoj?

LOPEZ AVILA: Precize al tio ŝuldiĝas nia organizo naskita de la neceso konservi la lingvojn, tradiciojn, kutimojn, dancojn, folkloran muzikon, metiojn kaj niajn aŭtoktonajn vestaĵojn, kiuj estas la reflekto de nia kulturo kaj parto de nia socia identeco.

---

# VIRINOJ KONTRAŬ STERILIGO

LOS ANGELES. - La steriligo de usonaj indianoj en Indianaj Sanservaj Hospitaloj kun asertita malsufiĉa informita konsento estas denove esplorita de indianaj grupoj kaj registaraj enketistoj. Kelkaj nomas ĝin eĉ "gentmortigo".
Ja 2o % el la jam pereigitaj tribaninoj en nasko-aĝo estis steriligitaj en la 51 ISS-Hospitaloj, plejparte en okcidenta Usono, laŭ taksoj.
D-rino Constance Uri, Ĉokto-Ŝiroki-kuracistino, nuntempe tuttaga jurstudentino kaj ĉefino de la grupo "Unuiĝintaj Indianinoj por Socia Justeco" (angle: "Indian Women United for Social Justice"), akuzas la registaron kaj la ISS pri provo solvi la "indianan problemon" unufoje por ĉiam per vasta kampanjo de steriligo. "Mi opinias ke la usona registaro faras gentmoritgon al la indiana popolo," ŝi diris al la "Medicina Tribuno". D-rino Uri taksas ke almenaŭ 25.ooo indianinoj estis steriligitaj.

Eble la plej miriga ekzemplo de mistrakto inter la 51 hospitaloj okazis en la Claremore-hospitalo de Oklahomo: Arkivoj pri 1973 malkaŝas ke 194 steriligoj estis faritaj tiujare al indianoj, t.e. ĉiu kvara akceptita en tiu ĉi 58-lita hospitalo. Plie, oni faris kvar tub-ligaturojn al virinoj malpli ol 2o-jaraj, kaj 13 uter-ektomioj estis faritaj al virinoj malpli ol 3o-jaraj, inkluzive de unu 22-jarulino. Kaj en Claremore kuracisto asertis ke indiana histo diferencas medicine de la lia!
Fine d-rino Uri diras: "Kiel diros al vi la Ĉejenoj, la forto de la indiana popolo estas en iliaj virinoj. Ne gravas kiom rektaj estas viaj sagoj, ne gravas kiel heroaj estas viaj batalantoj, neniu nacio estas venkita antaŭ ol ĝiaj virinoj rezignacias. Kiam la virinoj cedas, tiam oni maltrankviliĝu."

(El "Neshnawbe News"; tradukis: Roan Orloff-Stone)

# Olsen Banden kalâtdlisut oĸausertalersugaĸ

**iluagtítumik „ôĸátârineĸ" sujugdlermêrtumik filmimik Københavnime kalâtdlisut agdlagartalersuivdlune — mãnákut Kalâtdlit-nunãne isuma utarĸineĸarpoĸ**

LA OLSEN-BANDO KUN GROENLANDA TEKSTO

SUKCESA "PROV-VOJAĜO" DE LA UNUA GROENLAND-TEKSTA FILMO EN KOPENHAGO. - NUN ONI ATENDAS LA REAGON DE GROENLANDO.

Jen la traduko (tra la dana farita) de la supraj groenlandlingvaj linioj enkondukantaj artikoleton en "Atuagagdliutit" (Postbox 39, DK-39oo Nûk /= dane: Godthåb/) de la 6-a de aprilo 1978.

La frivola filmo sub la titolo "La Olsen-bando tie ekstere" estis tradukita el la dana en la groenlandan fare de Jens Mikkelsen (kunlaboranto de la Groenlanda Inform-Unuiĝo en Kopenhago) kaj fine de marto ĉi-jara unuan fojon prezentita en la Domo de la Groenlandanoj en la dana ĉefurbo. Oni diris ke la traduko signifas gravan progreson por la groenlanda publiko. Kiel diras la tradukinto, la groenlanda versio spegulas proksimume 8o % el la originalo, enhave kaj esprime. Li havis grandajn problemojn por trafe reflekti la apartan danan humur-lingvaĵon kutiman en la Olsen-Bando-filmoj. Kelkaj esprimoj estis tute ne tradukeblaj, aliajn Mikkelsen sukcesis adapti.
Ĉar la groenlanda teksto aperas nur skribe ĉe la suba rando de la bildoj, ekestis la demando pri la ortografio: ĉu uzi la tradician, ĉu la novan? Oni decidis ke uziĝu la reformita ortografio. Nun iuj diris ke certe maljunetaj personoj protestos kontraŭ tiu ĉi solvo, sed alia fakulo pensas ke la uzo de la nova ortografio povas kontribui al la familiarigo de tiu reformitaĵo inter la groenlandanoj.

# BB KAJ LA FOKOJ

Robert Petersen, dana profesoro pri eskimologio, kontraŭas la iniciaton de Brigitte Bardot antaŭ la Eŭropa Parlamento (vidu "Information" de la 1o-a de februaro 1978), kiu intencas malebligi al la groenlandanoj kaptadon de fokoj. Li diras ke BB sen kono de la faktoj egaligas la groenlandan situacion kun la kanada, kvankam en Kanado "blankaj" ĉasistoj-murdistoj amase buĉas fokojn nur por havigi al si la felojn. Kontraŭe, groenlandanoj kaptas fokojn simple por vivi de ili. Tion ili jam faris dum pluraj jarmiloj kaj ili ne ekstermis la fokojn! Tio estas simple la vivobazo, kies konservado ege interesas la groenlandanojn, kiuj cetere tute ne kaptas foko-bebojn. Ili uzas la viandon kaj vendas la felojn.

En Groenlando aŭdebliĝas voĉoj kiuj invitas la francan aktorinon al la insulego por ke ŝi vidu mem la faktojn kaj por ke ŝi provu travivi en tiu regiono ... sen la enspezoj de konata filmaktorino.

Aldono de la raportanto: BB pripensu, ĉu anstataŭ la efika, laŭmoda, kvankam laŭdinda, agado favore al la fokoj (pri kiuj jam okupiĝas multaj konataj homoj) ŝi eble utiligu sian valoran efikpovon por helpo al subpremataj homoj vivantaj en kondiĉoj sub la nivelo de homa digno: Ĉu tro laborige, tro obstakloze, ne popularige?



Dekstre: Jens Mikkelsen, la tradukinto de la filmteksto.

# «KULTURA MALSAMECO ESTIGAS ALDONAN PUNON AL GROENLANDANOJ EN DANAJ MALLIBEREJOJ»

La sekvanta traduko de partoj de artikolo el la dana gazeto "Information" (Philip Lauritzen, 10.02.78) prezentas bonan ekzemplon de sociaj kaj psikaj problemoj de certatipaj etnoj en kunvivado kun eŭrop-tipaj industriŝtatoj. Ĝi tute ne koncernas nur danajn cirkonstancojn, sed legindas por ĉiuj, kiuj okupiĝas pri problemoj de kunvivado de du etnoj aŭ du sistemoj. Oni ankaŭ pripensu ke la danaj cirkonstancoj estas multe pli bonaj ĉi-rilate ol en multaj aliaj landoj.

"La groenlanda kriminala juro estas internacie konata, precipe pro foresto de tradicia sankcia sistemo en la formo de malliberiga puno. Ekzistas gardejo en Godthåb kaj diversaj arestejoj, sed neniu vera malliberejo. Kaj la plimulto de la sankcioj, al kiuj oni kondamnas, celas re-ensociiĝon, ekz. per lokigo en etan komunumon dum kelkaj jaroj. La kriminala juro ebligas tamen ke groenlandanoj, kiuj konfliktis kun la leĝo en Groenlando, povas esti translokataj en fermitan institucion en Danlando, kaj tio koncernas precipe la psikiatrian malliberejon ĉe Herstedvester. Tra pluraj jaroj la uzo de la institucio ĉe Herstedvester estis kritikata, ne malpleje fare de la groenlanda konsultejo Poq, kiu administras, komisie por la groenlanda kriminala prizorgo, la delegadon de prizorgistoj por groenlandanoj en fermitaj institucioj en Danlando." [...]

"Estas multe pli dure por groenlandanoj esti en Herstedvester ol por danoj," diras Elisa Flügge [dana prizorgistino], "ekzistas tre grandaj lingvaj malfacilaĵoj. Ekzistas grandaj kulturaj malsamecoj. Nenia natura kontakto kun la familio. Nenia ebleco de re-ensociiĝo en la groenlandan medion. Aldone tute alia nutraĵo ol oni kutimis."
- Kiumaniere montriĝas kulturaj malsamecoj?
"Dana kaj groenlanda sintenoj estas tre malsamaj," daŭrigas Elisa Flügge, "kaj tio kaŭzas ĉiuspecajn miskomprenojn. Oni povas simple paroli pri tre malsamaj manieroj de reago ktp. Se al tio por preskaŭ ĉiuj aldoniĝas konkreta lingva problemo tiel ke oni bezonas interpretiston, tiam ĉio malboniĝas. Ne nur estas malfacile igi groenlandanon malkaŝe paroli pri siaj pensoj kaj sentoj. Se tio krome devas okazi pere de interpretisto, tiam neniel eblas paroli pri kontakto inter ekzemple psikiatro kaj enmetita groenlandano aŭ inter la groenlandano kaj la personalo inkluzive la danajn enmetitojn."
"Estas tiel klara problemo ke ĝi devus esti komprenebla por ĉiu," interdiras Inger Bruun, "kaj ĉi tie ĉe Poq ni forigis jam delonge danajn afergvidantojn, ekzemple min mem. Oni, simple dirite, ne povas zorgi pri sufiĉa kontakto." [...]
- Ĉu oni provas re-ensociigi la groenlandajn enmetitojn?
"Jes, oni provas," diras Inger Bruun, "sed oni ja nur povas rekonduki en la danan socion. Groenlandanoj havas pli altan kvanton da forpermeso, sed tio ja ne solvas la fundajn problemojn."
- Ĉu la groenlandanoj ricevas groenlandan manĝaĵon en Herstedvester?
"Ne," respondas Elisa Flügge, "kaj tio estas tute malĝusta. Unue enmetitoj de ekzemple aliaj religioj ricevas specialan manĝaĵon en danaj karceroj. Due estas rekte damaĝe ke oni devigas ilin subite preni alian manĝaĵon."
Se oni demandas al Elisa Flügge kiumaniere la kvar enmetitoj, pri kiuj ŝi okupiĝas, reagas al la estado en Danlando, tiam ŝi respondas ke ilia memstareco tre rapide malaperas: "Ĝi preskaŭ tute perdiĝas, kaj ili fariĝas tre rapide malaktivaj. Ili ĉiam sentas sin ŝovataj ĉien de aliaj personoj kaj ili ne tute komprenas, kio okazas pri ili kaj kial. Ili sentas sin tute senpovaj kaj rezignacias." [...]

Dirk Willkommen

# ĈU JUGOSLAVIO MISTRAKTAS SPECIALE ALBANOJN?

La FRG-semajnrevuo DER SPIEGEL, fama pro sia ĉiudirektan kritikemon, en sia numero 21 de la 22-a de majo 1978, p. 182, publicis artikolon tutpaĝan artikolon sub la titolo "Ĉiutage batoj". Temas pri la sorto de albanoj en Jugoslavio, laŭdire mistraktataj precipe en serbaj karceroj kaj fare de serboj. Pri arbitra enkarcerigo de albanoj en Jugoslavio raportas ankaŭ la Unio de Kosovanoj, ekzila asocio de albanoj en Francio kaj Usono.

Ni ne kapablas prijuĝi kiom veras en tiaj informoj, ĉar ni ne povas esplori surloke. Sed ni ja faras du demandojn:

1) Ĉu albanoj estas enkarcerigataj pro sia albaneco aŭ "simple" surbaze de iuj ne aparte demokratiaj leĝoj frapantaj sendiference ĉiujn civitanojn de Jugoslavio?
2) Kiugrade ekzila asocio rajtas reprezenti, kiel okazas en la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj, la sametnanojn, kiuj pluvivas sub kiu ajn diktaturo?

Interesus nin ricevi opini-esprimojn kaj informojn pri tiuj aspektoj.




Ĉiukaze ŝajnas al ni ke estas malicaĵo aserti ke "ĝis hodiaŭ la albana ne estas oficiala lingvo", kiel faris la aŭtoro de la supre menciita artikolo. Li devus scii ke la albana lingvo ja estas samrange oficiala lingvo (kun la serba) en la aŭtonoma regiono Kosovo. Tio videblas interalie en la tiuregionaj lernejoj, kie oni instruas kaj en kaj pri la albana! Samo validas koncerne la albanan universitaton de Priŝtina.

La fakto ke antaŭ 1966, precipe sub la regado de Ranković, la serboj efektive mistraktadis, parte brutalege subpremadis la albanojn, ankaŭ sub la suspekto ke tiuj ĉi eventuale povus havi la ideon aliĝi al la respubliko Albanio, - tiu fakto neniel pravigas senfine supozi samon pri la rilatoj inter ambaŭ etnoj.

Ĉu estas signo de kontraŭalbanismo, se ĉiujare 30 gastaj profesoroj el Tirano venas al Priŝtina por lekciadi albanlingve?

Ĉu estas signo de malamikeco, se la albanoj de Kosovo festotage montras la flagon de Albanio same kiel la turkoj montras la flagon de Turkio, kiam la serboj montras tiun de Serbio?

Cetere, dum Albanio havas 2.550.000 enloĝantojn (el kiuj eventuale 50.000 estas grekoj, aromunoj, serboj kaj makedonoj), en Jugoslavio vivas proksimume 1.500.000 albanoj, ĉefe en Kosovo, sed ankaŭ en Makedonio kaj Montenegro.

* * * * * * * * * * *

# FRIULANOJ EN RUMANIO

La numero 17 de ETNISMO ege impresis la friulajn legantojn per la publico de la prestiĝa studo de profesoro Nerio de Carlo pri "La friula lingvo". Konsiderindan surprizon - tamen pro aliaj motivoj - kaŭzis ĉe la samaj legantoj la artikolo pri la minoritatoj ekzistantaj en Rumanio kaj pri iliaj konserviĝo kaj lingva situacio.
La 26 etnoj montrataj en la statistiko parte estas grupoj praktike sensignifaj kiel la makedonoj (*), rutenoj, slovenoj, armenoj: Multkaze la menciitaj minoritatoj konsistas el malmultaj centoj da individuoj. Neniu indiko, kontraŭe, estas farita pri la rumaniaj civitanoj de friulaj etnaneco kaj lingvo (**).
En 195o estis publicita verko (1), en kiu estas evidentigita la ekzisto de fakte 7.o52 friulidoj fieraj pri siaj familiaj nomoj de ĉiam vaste kutimaj en la "Patrie dal Friûl". Temas pri idoj de multaj familioj kiuj bonvenigis la plebisciton de 1866 kaj vole-nevole ekiris la amaran vojon de elmigro. Tiuj ĉi filoj de la diasporo, devenantaj plej ofte el lokoj ĉirkaŭ Pordenone kaj Udine, ekloĝis en sia adopto-patrujo precipe ĉirkaŭ Craiova, nordokcidente de Sibiu, en Bukareŝto kaj ĉe Galaţi. La friula lingvo rezistis kaj rezistas kiel hejma lingvo de la familioj eĉ ĝis tiu punkto ke la elementoj por la ellaboro de la plej bona ekzistanta friula gramatiko(2) estis ĉerpitaj precize el la lingvaĵo de tio kio restas de tiuj pioniroj.

La silento praktikata fare de la italaj gazetaro kaj oficiala kulturo kontraŭ la friulaj lingvo kaj etno interne de la ŝtataj limoj certe ne ŝanĝiĝas rigarde al tiuj grupoj kiuj vivas ekstere! Nur AIDMLK povas fari ion per la atentigo pri kaj la subteno al la valoroj de la friula komunumo en Rumanio pere de adekvata sentemiga aktivado. Ĉi tie estu krome farita alia konkreta propono: Ĉar nenio estas atendebla de la Itala Kultur-Instituto laboranta en Bukareŝto, la "Societât Filologiche Furlane", "Civiltât Mitteleuropee", "Moviment Friûl" kaj antaŭ ĉio "Clape Culturâl Furlane" devos restarigi la rilatojn kun la rumaniaj kulturaktivuloj friulidaj kaj sendi al ili la necesajn materialojn por pli intima penetrado en la interesatajn familiojn.

Maria Teresa Gaspari
(traduko: ETNISMO)

(1) A. Vigevani: Friulani fuori di casa in Croazia e Slovenia, Udine,195o.
(2) Le frioulan à partir des dialects parlés en Roumanie, Den Haag/Paris, 1972.

Redakciaj notoj
(*) En la aludata statistiko ne aperas "makedonoj", sed "makedoni-rumanoj". Krome, ŝajnas utile memorigi ke malmultnombreco de kiu ajn etno neniel pravigas neglektadon, ĉu dum la ĉiutaga vivo, ĉu statistike.

(**) Necesas atentigi pri la fakto ke la statistiko ne estis farita de nia kunlaboranto Rudolf Grulich, sed ke li transprenis ĝin el rumaniaj gazetoj. Provizore ni konkludas ke la ĉi-supre menciitaj 7.o52 friul-parolantoj de 195o (supozeble en 1977 iom pli multnombraj) parte kaŝiĝas sub "aliaj etnoj" kaj parte deklaris sin rumanoj. Ĉi-loke estus interese esplori kiugrade tiuj friulidoj aktive defendas sian propran etnan identecon.

---

# SOCILINGVISTOJ EN UPSALO

Dum la 9-a Monda Kongreso de Sociologio (14-a ĝis 19-a de aŭgusto 1978, Upsalo, Svedio) estos aranĝata vasta programo de formalaj kaj neformalaj kunsidoj pri lingva sociologio. Oni bonvenigas ĉi-fakanojn kaj interesatojn. Jen kelkaj temoj: "Lingvo kaj internaciaj rilatoj", "Lingvo kaj etna interagado", "Lingvoplanado kaj sociekonomia evoluigo", "La amplekso, celaro kaj metodaro de la socilingvistiko" ktp. - Petu detalojn ĉe: Jonathan POOL, Dept. of Political Science, DO-3o, University of Washington, Seattle, 98195, Usono.

# MADJARA PROTESTO

"Ni permesos al neniu enmiksiĝi en niajn internajn aferojn, unu- aŭ aliamaniere provi damaĝi la unuecon de la laboristoj en la batalo por socialismo kaj komunismo." Se la rumana parti- kaj ŝtatestro tion dirintus ekskluzive rigarde al okcidenteŭropaj ŝtatoj kaj Usono, oni pensus pri sensignifa rutinaĵo. Tiel parolante ĉi-printempe antaŭ la delegitoj de la rumanianoj de germana kaj madjara etnaneco en Bukareŝto, Nicolae Ceauşescu celis supozeble unuarange aliajn: la madjarojn en Rumanio, la registaron de Hungario kaj la ekzilmadjarojn tra Eŭropo kaj Ameriko.

En sia longa parolado la prezidento de Rumanio substrekis plurfoje la neceson ke ĉiuj rumaniaj civitanoj, sendepende de sia etnaneco, komune klopodu antaŭenigi la evoluon de la socio kaj ŝtato. Tamen, li diversloke menciis aŭ almenaŭ aludis ekzistantajn problemojn precize en la kampo de la kunvivado de la multaj etnoj (kp. "Ĉu Rumanio celas pluasimiladi siajn minoritatojn?", kun etno-statistiko, en ETNISMO 17, p. 3 - 9). Jen resume la ĉefaj problemoj, laŭ Ceauşescu:

- racia distribuo de la entreprenoj laŭ la disponeblaj laborfortoj, t.e. mildigo de la grandparta diskriminaciado kontraŭ madjaroj kaj germanoj koncerne laboreblecojn en siaj loĝregionoj;
- kreo de la materiaj premisoj por la kompleta samrajteco de ĉiuj civitanoj de Rumanio, senkonsidere de la etnaneco;
- ebligo de plenaj lernado kaj studado en la denaska lingvo;
- plibonigo de la lerniloj en la lingvoj de la kunloĝantaj etnoj;
- plimultigo de la fikciaj kaj sciencaj verkoj en tiuj ĉi lingvoj.

Estas memkompreneble ke la plejaltulo ne povis ne dediĉi apartan atenton al



la disvastigado de la r u m a n a lingvo inter ĉiuj civitanoj: La rumana estas lernenda kaj lerninda de ĉiuj por povi ĝui la samajn rajtojn. Ĉu tio ĉi ne estas sufiĉe klara konfeso pri la diskriminacio praktikata kontraŭ tiuj civitanoj kiuj volas plene disvolviĝi persone, profesie, politike en sia etnolingva medio? Kaj fine Ceauşescu emfazis la delonge konatan starpunkton de la Rumana Komunista Partio (esence saman kiel en okcidenteŭropaj centrismaj ŝtatoj!) ke la procezo de "interproksimiĝo kaj plifirmiĝo de la interfrateco de ĉiuj civitanoj senkonsidere de ilia etnaneco" estas logika dialektika procezo, kiun neniu povas haltigi.

Tiuj surprize multaj indikoj okaze de la menciita plenkunsido de la madjaraj kaj germanaj delegitoj havis klarkonturan fonon: k r i t i k o j n el madjaraj medioj de Rumanio kaj el Budapeŝto kaj el okcidentaj ekzilgrupoj.

Dum János Kádár, la Unua Sekretario de la komunisma Hungara Socialista Laborista Partio, estis sugestinta ke la rumaniaj madjaroj ludu la rolon de ponto inter la du ŝtatoj, Nicolae Ceauşescu substrekis, okaze de pasintjaraj konferencoj en Debrecen kaj Oradea, ke temas unuavice pri problemoj solvendaj interne de la koncernata ŝtato.

Okaze de la Beograda postkonferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo videbliĝis letero skribita de la iam altranga funkciulo de la RKP Karoly Király, ano de la madjara etno. Li direktis tiun ĉi leteron al la Centra Komitato de la RKP kaj listigis aron da riproĉoj pro la neplenumo de promesoj donitaj fare de la ŝtat- kaj partigvidantoj koncerne la minoritatojn. Király esprimis siajn timon kaj zorgon pri la fakto ke malkreskas la nombro de mezgradaj kaj fakaj lernejoj kun ne-rumana instrulingvo, ke ankaŭ en la infanvartejoj oni devige lernas la rumanan, ke utiligo de la etna lingvo en kunvenoj de partiaj, junularaj kaj sindikataj kunvenoj estas limigata kaj ke la minoritatanoj ne povas amplekse uzi sian propran lingvon en publikaj oficejoj: "La oficistoj plejofte estas rumanlingvuloj ne parolantaj la linvojn de la etnaj minoritatoj, ĉu ĉar ili ne scipovas ilin, ĉu ĉar ili rifuzas ilian uzadon." La kulmino de la akuzoj estas la eksplicita riproĉo kontraŭ la parti- kaj ŝtatestro ke Rumanio praktikadas perfortan asimiladon kaj naciisman incitadon! Király substrekis ke ne temas pri eraroj en la ideologio de marksismo-leninismo, sed ke kulpas la misinterpretado kaj misaplikado de la komunisma doktrino.

Ĉu oni eventuale trotaksas la signifon de tiu letero? Ĉu ne estas unuopulo ribelanta kontraŭ vera aŭ nur subjektive juĝata maljusto?

Tute ne! Ĉar preskaŭ samtempe estis publicitaj en la hungara gazeto MAGYAR NEMZET artikoloj de la verkisto Gyula Illyés konstatanta asimiladon de la tri milionoj da madjaroj vivantaj precipe en Rumanio, Ĉeĥoslovakio kaj Jugoslavio. Kvankam Illyés ne mencias tiujn landojn, la aludoj estas ekstreme klaraj. Tiu ĉi verkisto esprimas sian timon ke pli-malpli baldaŭ ne plu ekzistos madjarlingvaj gimnazioj. Li ankaŭ akuzas la rumaniajn kompetentulojn pro histori-falsado en la kazo de la madjaroj en Transilvanio, kie - laŭ rumanaj lernolibroj - la madjaroj aperis dum la 12-a jarcento kiel barbaraj invadantoj kaj rabistoj. Illyés fine komparas la situacion de Rumanio kun tiu de la Respubliko Sudafriko: "Kiuj gepatroj, se ili havas la eblecon, sub tiuj ĉi cirkonstancoj ne evitus por siaj infanoj sorton similantan al tiu de la homoj vivantaj sub la apartismo?"

Kompreneblas facile ke ekzilaj organizoj de madjaroj postulis la senvalidigon de la amikeckontrakto inter Hungario kaj Rumanio kaj la nuligon de kunlaboro, kadre de la Varsovia Pakto, inter tiuj du ŝtatoj. El malproksimo kaj en libereco ĉio aspektas alia ol surloke .....

Por kompletigi aŭ ĝustigi antaŭajn informojn: El 349 parlamentanoj 29 estas madjaroj, 8 germanoj kaj 3 el aliaj etnoj. El 17.844 lernejoj 1.55o estas madjarlingvaj, 372 germanlingvaj kaj 1o6 aliaj. El 515 gazetoj kaj revuoj 52 estas ne-rumanlingvaj (32 madjare, 8 germane). La televido ekde ĉi-jara februaro elsendas ĉiusemajne 3 horojn madjare kaj 2 horojn germane (antaŭe: 9o resp. 6o minutoj). Radio: semajne 4o horoj madjare, 13 horoj germane.

(Laŭ: "Frankfurter Rundschau", 24.o5.78)

# JUDOJ EN SOVETUNIO

B i r o b i ĝ a n o - ĉu vi senhezite indikus ĝin sur mapo de Sovetunio? Temas pri urbeto de 6o.ooo enloĝantoj kelkajn kilometrojn norde de la sovetuni-ĉina limo de la Amuro, iom okcidente de Ĥabarovsko. Birobiĝano estas la ĉefurbo de la Juda Aŭtonoma Regiono (interne de la Rusa Soveta Federacia Socialisma Respubliko). El la 18o.ooo enloĝantoj de JAR (36.000 kvkm, t.e. proksimume kiel Nederlando!) laŭtakse ankoraŭ 14.ooo estas judoj.
La kreo de JAR estis decidita antaŭ 5o jaroj kaj dekretita en 1934. La regiono estis tute arbitre elektita: marĉa anguleto de la giganta imperio, sen ekonomia elstaro, for de la tradicia juda loĝregiono en eŭropa Ruslando. Sovetunio rifuzis judan nomon al la JAR kaj artefaris nomon el tiuj de du riveretoj, Biro kaj Biĝano.
Vizito al JAR malfacilas, translokiĝo el ĝi same. Dum relative multaj el la 2.151.ooo sovetuniaj judoj elmigris al Israelo, el JAR venis neniu! Eventuale tion klarigas la sovetunia propagando pri Israelo: "Kompare kun Birobiĝano Israelo apartenas al la pasinta jarcento!"

Nu, ne nur Sovetunio kraĉas kontraŭ Israelon; simile la nova ŝtato de la judoj insultadas la rusan imperion pro kontraŭjuda politiko.



Jakob Lejbowiĉ Fiŝman, ĉefrabeno en granda ornato, en Moskva sinagogo, unu el 57 restaj el pli ol 1.ooo

Jes ja, depost 1939 ne plu troveblas jid-lingvaj lernejoj en Sovetunio. La kulpo ne estas tre malfacile montrebla: La nazioj ekstermis teruran nombron da judoj, Stalin eliminis en 1952 la reston de la kulturelito jida, sed la ĉefa faktoro estas serĉenda en la distranĉo de la ligiloj inter la nuntempo kaj la juda tradicio, fare de la judoj mem, kiel amare konstatis Salcia Landmann en sia libro "Jiddisch - Abenteuer einer Sprache" (La jida - aventuro de lingvo), dtv 252, 1964, p. 42 - 44. Sovetuniaj judoj neglektas sian etnan lingvon vidante ke ĝi nenie en la mondo plu plensange vivas, kaj ili certe ne sendus siajn infanojn en jidlingvajn lernejojn, se tiaj ankoraŭ ekzistus. Jen la diabla cirklo, kiun rompi eĉ Israelo ne helpas: Tie ne ekzistas jidlingva instruado, sed nur novhebrea kaj ... araba. Krom la karaimoj kaj livoj apenaŭ alia etna grupo de Sovetunio similgrade kiel la judoj perdis, forlasis sian propraetnan lingvon: Nur 17,7 % pluparolas la jidan el la du milionoj (16,5 % el la karaimoj, 5 % el la livoj).
Tamen, la judoj surpapere pluekzistas, ĉar en iliaj pasportoj aŭ kutime legitimacikartoj estas indikita ilia etnaneco "judo", kvankam multakaze ili same forgesis sian originan religion kiel la jidan lingvon. Konvertiĝo al kristanismo ne utilas: Ili restas judoj. Kiun kriterion, do, respektas la aŭtoritatoj? Ŝajnas ke nur la historian malgraŭ ĝia absurdeco, ĉar aplikata kontraŭ la eksplicita volo de la koncernato! Nur la idoj el etne miksita geedzeco povas esti aŭ judoj aŭ rusoj, tataroj, ĉuvaŝoj, ukrajnanoj ktp.

Religie Sovetunio lasas al la judoj liberecon kaj pagas la kostojn por la konservado de la sinagogoj, la rabenajn salajrojn (kion ĝi ne faras kaze de kristanaj eklezioj!) kaj stipendiojn por studentoj en la Moskva talmuda lernejo, kiun tamen ne multaj frekventas ...

(Laŭ "Vorwärts", 23.o3.78)

# LADINAJ TERMOPILOJ

Dimanĉon, la 2-an de oktobro 1977, la loĝantaro de Fodom alkuris al Pieve por escepta okazo. En la hotelo "Dolomiti" estis prezentita instrulibro en la ladina lingvo: plaĉe amuza libreto realigita de Kandido Martini, por la knaboj de Fodom, por ke ili estu instigataj utiligi la propran lingvon. Al tiu realigo kunlaboris la instruisto Serĝo Masarei.
La manifestacio de Pieve, aŭspiciata de "Union di Ladins da Fodom" kaj "Associazione Culturale Lombardo-Veneto", allogis kulturajn responsulojn kaj agantojn de aliaj dolomitaj valoj (tre ŝatata estis la ĉeesto de d-ro Krafonara) kaj eĉ de Milano. La ĵurnalo "Corriere della Sera" anoncis la okazaĵon tre favore kaj same favora estis la komentario de la ĵurnalo "Il Gazzettino". La interesiĝo de grandaj ĵurnaloj pri iniciato celanta revalorigi tiel nomatan malgrandan lingvon estas tre signifa. Ĝis antaŭ kelkaj jaroj kunveno kiel tiu de Pieve restintus ignorata. Se nun aferoj ŝanĝiĝis, tial ke ladinoj certe ne malantaŭeniris, estas racie supozeble ke informrimedoj antaŭeniris.

La urbestro de Fodom, Bruno Trebo, eldiris vortojn en kiuj oni rimarkas klaran konsciiĝon kaj intencon insisti pri defendo de tiu viviga eco, kiun konsistigas la individueco de la ladina loĝantaro. Tio eĥis ankaŭ en la vortoj de d-ro Nino Agostineti, friulano, diritaj nome de la kultura asocio "Lombardo-Veneto", kiu celas konservi kaj antaŭenigi, kune kun samidealaj movadoj, tradiciajn, historiajn, etnajn kaj kulturajn valorojn de niaj gentoj.

La ĥoro de Fodom, majstre estrata, gajigis la ĉeestantojn per solen-okaza repertuaro.
Oni rimarkis, tamen, la malĉeeston de lernejaj instancoj invititaj al la ceremonio. Tio ne surprizas tiujn kiuj ankoraŭ memoras pri punoj, punpagoj aŭ kraĉoj en la buŝon al tiuj kiuj estis malkovritaj dum ili parolis en sia gepatra lingvo en la lernejo. Same ne surprizitaj estis tiuj kiuj havis la okazon, antaŭ dekkvino da jaroj, aŭskulti dum radia dissendo ("radiosera") lernejan responsulon difini la albanan lingvon parolatan en Kalabrio "lingvo de kampulaĉoj" (1).
Male, estis surprizitaj tiuj kiuj opinias ke lernejoj devas ekiri de respekto kaj evoluo de loka kaj gepatra kulturo por enkonduki lernantojn en la mondan kulturon.
La iniciato de la 2-a de oktobro, realigata ĉe la plej malgranda ladina komunumo, sukcesis doni al la ĉeestantoj pozitivan impreson.
Uzante frazon de Gete, ni povas diri ke "... oni sentis la fortunon ŝanĝi ĉevalojn". Geologio instruas ke la valo de Fodom estas estingiĝinta vulkano. Vulkano eble, sed ja ne estingiĝinta, minimume ne el kultura vidpunkto. Al la iniciatintoj kaj al la subtenantoj de tiu-ĉi kuraĝa okazaĵo, al la responsuloj de la friulaj lernejoj "Josef Marchet", al ĉiuj anoj de lingvaj malplimultoj ni memorigas la frazon de Sen-Bev: "Lingvo estas nur sukceshavinta dialekto."
Vere ne estas oportune havi malsuperec-sentojn, kiam oni parolas lingvon malsaman de la plimulta lingvo, precipe kiam tiu-ĉi lasta daŭre estas instruata per libroj kiuj, unuflanke enhavas strangajn maloftajn vortojn, kaj aliaflanke malmolkape pluignoras eĉ la vorton "alloglotto" (= alilingvulo) (2).

Laŭ antikva konvinko guto traboras ŝtonojn. Tamen Kandido Martini tute ne pensas pri metado de roko sub pluvegon por poste ĝin repreni tratruita. Do, li faris ĉion laŭ homa mezuro, laŭ la ĝusta knaba dimensio, sen troa babilado, sed kun la intenco efiki, kiel faras guto ĉe roko.

Nerio De Carlo
(tradukis: Renato Korseti)

---

(1) Ekzemplojn de punoj ktp. prezentas Ulderico Bernardi en "Le mille culture", Coines, Roma, 1976, p. 246.
"Radiosera" estis tre populara programo de la tutlanda radio.
(2) Ekzemple en la vortaroj "Vocabolario della lingua italiana" de Zanichelli kaj "Il piccolo 'Palazzi' - moderno dizionario della lingua italiana" de Palazzi.

# ETNAJ PROBLEMOJ EN SUDORIENTA EŬROPO:

19




1976




## horo da opozicio

HORO DA OPOZICIO - tiel titoliĝas 6o-minuta kasedo kaj ĝin akompananta tekstokajero. Temas pri tradukoj en la Internacian Lingvon el la portugala, okcitana, itala, germana, kastilia, angla, sume 21 kantoj tradukitaj de Renato kaj Ĝuljo, kantataj de Ĝanfranko kaj Ĝuljo, kun gitara kaj/aŭ mandolina akompano fare de la samaj kantantoj.

Enkonduke al la tekstaro Renato iom eksplikas la intencon de la eldonaĵo citante miran demandon de orienteŭropano: "Kio estas ĉe vi politika kanzono? Ĉe ni ĝi estas kanzono glore al la kvinjara plano aŭ al la konstruata socialismo." La kompilintoj komprenas sian kolekton kiel opoziciaĵon kontraŭ la potenculoj, kontraŭ la konservemo, kontraŭ la klopodo pluvivigi la nunajn sociajn kondiĉojn. Oni povas grupigi la kanzonojn laŭ tri temoj: komunismo, anarĥiismo kaj etnismo. La kontaktopunktoj inter tiuj movadoj kaj la esperantistoj devus klari, sed relative malmultaj el la lasta grupo ekkonis ke ili mem, proponante la Internacian Lingvon, celas esence reformi, renversi la mondajn strukturojn. Tamen, tio ne devas signifi nepran komunan agadon de ĉiuj ĉi tendencoj .....

La traduko ŝajnas trafa (mankas originaloj por kontrolo), la melodioj estas simplaj, sed plaĉaj kaj plaĉe, meditige prezentitaj. La tekstokajero A-5-formata estas fotokopiita: "La popola karaktero de tiuj-ĉi kanzonoj tute ne kongruus kun eleganta vesto. Revoluciuloj ne surmetas orden-ŝarĝitajn uniformojn." Kasedo kaj kajero kune kostas 2.5oo lirojn kaj mendeblas ĉe: Centro di Documentazione Esperantista, Via dei Sabelli 54, I - oo185 R o m a.

---

## BIBLIOGRAFIAJ ATENTIGOJ

Rudolf Grulich: Regen in einer Legende - Albanische Lyrik vom Amselfeld; Poesis ethnica 1, Heiligenhof, 1977, 48 p., 5,8o gm; 3o poemoj tradukitaj de Grulich, kun ilustraĵoj kaj konciza prezento de la albanaj lingvo kaj literaturo en Jugoslavio.

Rudolf Grulich/Jozo Džambo: Weißer Schmerz - Mazedonische Lyrik; Poesis ethnica 2, Heiligenhof, 1977, 48 p., 5,8o gm; aranĝita kiel la antaŭa.

Erwan ar Menga: Deskomp Esperanteg; Hor Yezh, Douarnenez, 1978, 3 vol. po 9,-- FF; la sumaj 182 A-5-paĝoj enhavas lernolibron pri Esperanto en la bretona lingvo, vortareton Esperanto/bretona kaj vortareton bretona/Esperanto. Tre utilus kvara volumeto: enkonduko al la bretona!

Theodor Veiter: Nationalitätenkonflikt und Volksgruppenrecht im 2o. Jahrhundert; Bayerische Landeszentrale für Politische Bildungsarbeit, München, 1977, 236 p.

Diversaj aŭtoroj: Die rechtliche Stellung der Volksgruppen in Österreich - eine Dokumentation (La jura pozicio de la etnaj grupoj en Aŭstrio - dokumentaro); Federacia Kancelierejo, Vieno, 1977, 111 p.; tiu ĉi kajero estas senpage ricevebla ĉe la eldoninto aŭ la ambasadejoj de Aŭstrio, ankaŭ en la angla kaj la franca.

---

**ETNISMO** INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-519o Stolberg 8 (FRG), tel.: 49-24o2-72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la dua numero de 1978.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 12 internaciaj respond-kuponoj).

<u>Nepre ne sendu ĉekojn sen interkonsento kun la eldonanto! Evitu bankajn ĝirojn el eksterlando, ĉar la banko kutime subtrahas siajn kostojn el la ĝirajo!</u>